Año XI (N.° 116) Depósito Legal V. 309-1959




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 4

JULIO AGOSTO 1959

Marqués de Caro, 6
VALENCIA
(ESPAÑA)

# MEDITACION



Toda persona dotada de buenos sentimientos y de un mediano espíritu de apreciación de los hechos, pasados y actuales, se vé asaltada continuamente por el temor -mejor dicho, el pavor- de conocer con cuanta facilidad e inconsciencia se puede pasar, de un momento a otro, del actual y peligroso estado de inestabilidad pacífica, al definitivo y horroroso vórtice bélico, con todas sus inhumanas consecuencias, para el mundo actual y para las generaciones venideras, si el azote dejara posibilidades vitales.

Las aducidas razones, de uno y otro bando, no podrían resistir el juicio sereno de quienes arbitrasen la diferencia. Pero como no se trata de determinar quién tiene razón, sino quién tiene más fuerza para defenderla, nos cabe el ilimitable temor de que alguno se crea con sobrada ventaja sobre su oponente y, vesánicamente, desencadene el conflicto.

Sin embargo, la simple aportación del testimonio de la Historia demuestra que, a lo largo de los siglos, ni las guerras de conquista, ni las de religión, ni muchísimo menos, las de sucesión sirvieron de nada sustancial para los pueblos que las sufrieron, ni como vencedores ni como vencidos. Ni aun las que se hicieron en defensa de ideales dignos del mayor encomio escapan a ese juicio histórico. Los pueblos que las defendieron y se desangraron por ellas no gozan actualmente de mayores ventajas que sus oponentes, o que aquellos que, tranquilamente, permanecíeron entonces en pacífica actitud.

La vida humaaa es corta, pero la vida del género humano no lo es, y las transformaciones políticas van labrando lentamente el surco que transforma, parsimoniosamente, la manera de vivir de los pneblos. Somos partidarios de toda transformación beneficiosa; no de imposiciones, y, menos aún, de cruentas soluciones. El mundo necesita el diálogo; el mutuo conocimiento y, lógicamente, la mutua apreciación. De ahí la importancia que, para el presente y, más aún, para el futuro, tiene la utilización del Esperanto, como medio de comprensión entre los pueblos. El Congreso universal jubilar de Varsovia puede señalar la iniciación de una nueva trayectoria para el movimiento esperantista. Así lo deseamos fervientemente para bien del mundo entero. Los esperantistas españoles, toman importante parte en su desarrollo; y aquí, en España, se aprestan a demostrar, en el paradisíaco marco malagueño: música, color y cordialidad, la efectividad y valor espiritual del esperantismo en España.

El XX° congreso español de Esperanto debe ser el fiel trasunto del de Varsovia; cuantos en él participen guardarán, seguramente, un recuerdo imborrable de cada uno de sus actos, y más aún, de su trascendencia.

Por ello, todo esperantista debe imponerse el deber de tomar parte activa en tan importante y decisiva reunión, dándose cita en Málaga, la hermosa capital andaluza, que, slegre y jubilosa, nos aguarda, porque...

**Kiel plia juvelo eu la radianta diademo da urboj, kie ni jam kunvenis**

**Malaga oferas la magion de sia mirinda scenejo, por la tuj okazonta**

**20ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO**

## La Símbolo de l' Amo

Poeziaĵo, kiu gajnis la ĉefan premion en la Floraj Ludoj, okaze de la 5.ª Universala Kongreso, en Barcelono, 1909.

Rozujo sovaĝa, simbolo de l' amo,
En vintro vi staras sen ia ornamo!
En kampo, vi nuda ĉagrenas dezerte;
Rozujo, malvarmo mortigos vin certe.

Mallaŭte tre dolĉa voĉeto elsonas:
«Silentu, silentu, mi dormon bezonas;
«Min nutras denove patrino la tero,
«Pacience atendas mi ĝis la somero.

Dormantan rozujon printempo vekigis,
Somero ĝin riĉe kaj bele florigis.
Ho, donu al mi nun kroneton belfloran,
Girlandon balancan kaj brilekoloran!

«Ne tuŝu, ne ŝiru floraron, la mian.
«Mi pikos, mi vundos la manon, la vian,
«Pro amo mi miajn floretojn defendos,
«Pro amo mi miajn pikilojn forsendos.

Al vento, ĝi florofoliojn oferis,
Aŭtune la fruktoj fiere aperis:
Rozujo, simbolo de l' amo vi restas,
Pacienca, alloga, kuraĝa vi estas!

**María HANKEL (Dresden)** Septembro 1909

## LIA REĜA MOŜTO, ALFONSO XIII.ª, MULTE SIMPATIIS AL ESPERANTO

S-ro Román Ayza. Prezidanto de la Madrida Grupo faris viziton al la Hispana Reĝo, por donaci al li ekzempleron de »La Revuo», kiun, lukse binditan, ĝia redakcio plaĉe dediĉis al li, kiel Honora Prezidanto de la 5.ª Kongreso.

Dum la aŭdienco, nia samideano skize mallonge raportis pri la Kongreso en Barcelono kaj la Postkongreso en Valencio. La Reĝo, kiu ŝate aprobas nian celadon, diris, ke li mem iom lernis Esperanton; tion li pruvis per legado kaj tradukado de peco el la gazeto al li ĵus donacita. Li aldonis, ke estus konsilinde la instruado de Esperanto al la diplomatoj.

Poste, S-ro Ayza. je nomo de D-ro Zamenhof, dankis la Reĝon pro la honoro, kiun li faris al nia kara Majstro, donante al li la titolon de Komandoro de la Ordeno de Elizabeto, la Katolika. La Reĝo respondis, ke tio ne meritas dankon, ĉar li nur premiis per iom da justeco la multajn meritojn de la genia elpensinto de nia lingvo, kiun bedaŭrinde li mem ne povas plene lerni pro la multaj okupoj, kiujn li havas. Laŭ «La Suno Hispana», Januaro 1910.

## LA ESPERANTISTA EKSPOZICIO, EN 1909, DUM LA 5.ª UNIVERSALA KONGRESO

En granda ĉambro de la belega Palaco de Belartoj, en Barcelono, havis lokon la ĉi-jara kongresa ekspozicio. La Organiza Komitato transdonis la rajton de la ekspozicia arango al la entrepreno «Centra Komercejo por Esperantujo» de Johannes Heyn, el Leipzig, kaj al la librista firmo Rosals, el Barcelono. S-ro Heyn, dezirante pruvi la kapablon de sia entrepreno, kaj ne ŝparante monon nek penojn, alveturis Barcelonon, kune kun sia edzino kaj ses oficistoj, jam kelkajn tagojn antaŭ la kongreso. por ĉio bone prepari. Kaj, vere, lia laboro estis fruktoporta por Esperanto. Ĉiu, kiu eniris la ekspoziciejon, ekadmiris unue la bongustajn dekoraciaĵojn ornamintajn la plafonon: jen lampionoj diversformaj, verdaj steloj lumigeblaj, girlandoj k. t. p. Ĉiuj, kompreneble, kun surskriboj, kiuj alternis kun esperantaj kaj diversnaciaj flagetoj. Sur la ĉefa muro pendis, en orumita granda kadro. la artpentraĵo de D-ro Zamenhof, farita de la Dresdena artisto G. K. Lehmann-Dumont.

Sube estis ordigitaj aliaj zamenhofaĵoj: reliefplatoj el bronzo, terakoto kaj gipso de skulptisto F. Brodauf, pingloj kaj broĉoj kun reliefaĵo aŭ bildo de D-ro Zamenhof. Nun sekvas amaso da diversspecaj komercaĵoj: bongusta ĉokolado kaj kakaopulvoro de la firmo Rüger, bonkvalita parfumo «Talismano», stampiloj, ĉiuspecaj inkoj, leterpapero, glasoj, tasoj kaj vazoj kun esperantaj insignoj k. t. p. Entute, kune kun la kolekto de esperantaj libroj de S-ro Rosals, la ekspozicio faris bonegan impreson sur ĉiu vizitanto.

Kompilo el UNIVERSO «Internacia Revuo por la Belo» lukse presita kaj arte ilustrita gazeto, tiutempe aperinta sub redakto de D-ro Albert Schramm, el Dresden. Unua volumo (1909/10)

*Same kiel la 4.ª Kongreso. ankaŭ la 5.ª en Barcelono havis reĝan protektadon. La Reĝo Alfonso XIII-ª akceptis la honoran prezidantecon. Treege grava fakto estis la jena: la Ministro por Eksteraj Aferoj mem (ne kiel ĝis tiam, la Konstanta Komitato) invitis la diversajn registarojn, sendi oficialajn reprezentantojn. Rekte alvenis tiuj de Usono, Belgujo kaj Norvegujo; aliaj landoj komisiis al siaj konsuloj alesti en la Solena Malfermo.*

## POR ŜTATA OFICIALIGO DE ESPERANTO

*La meksikaj samideanoj iniciatis nunjare viglan, internacian kampanjon, celante, ke la pola Registaro ekoficialigu Esperanton kaj ĝian lernadon tie, en la nesto de la Lingvo Internacia, dum la Jubileo de D-ro Zamenhof, filo de tiu lando. Ni aliĝas plej fervore al tiu kampanjo, kies esperebla sukceso estus vere transcenda.*

## ĈU VI SCIAS, KE...?

La vivo de pirarbo estas mirinde longa. Estas multaj arboj el tiu speco, kiuj povas liveri fruktojn dum tricent jaroj. Ilia vivodaŭro estas pli longa ol tiu de pomarbo, kiu tre malofte atingas cent-kvindek jarojn.

—

En japana urbeto, apud la marbordo, funkcias de antaŭ multaj jaroj kurioza lumturo plene farita el bambuo. Oni diras, ke tiu materialo eltenas tre bone la atakojn de la maro. Cetere, la bambuo ne putras, kiel la ligno ordinare uzata.

—

De la plej malproksimaj epokoj, la homoj sentis la bezonon distance interkomunikiĝi. La fajro kaj la sonoj estis la primitivaj rimedoj tiucele uzataj, kiuj daŭris, dum la paso de multaj jarcentoj, preskaŭ ĝis nun, ĉar ili ankoraŭ estas aplikataj en kelkaj apartaj regionoj.

Agamenono komunikis al Klitemnestra la konkeron de Trojo pere de konvene kaj strategie lokitaj brulaĵoj.

—

En la biblioteko de Vatikano troviĝas traktato pri la drakoj mortigitaj de kavaliroj. Ĉi tiu verko estas manskribita sur rubando el pergameno cent metrojn longa kaj tridek centimetrojn larĝa. Onidire, tiu pergameno estas farita el la tanitaj intestoj de granda drako.

—

En monduma meksika urbo, deĵoras funebraĵejo, kiu proponas siajn servojn sub la latina titolo «Quo Vadis?» (Kien vi iras?) Sprito do ne mankas, eĉ plej ekstreme...

## PLENA FELIĈO

Al la greka filozofo Menedemo, vivinta antaŭ 2300 jaroj, oni faris jenan demandon:

—Ĉu eblas speco de feliĉo, pli granda ol tiu posedi, kion oni deziras?

—Jes, ĝi eblas, respondis la filozofo: kontentiĝi per tio, kion oni jam posedas!

> *Plej terura aspekto de la morto estas ĝia eterneco.*
>
> RAMÓN Y CAJAL

## SFINKSA ANGULETO

**PERSEKUTADO**

*Vulpo persekutas leporon. Dekomence, ĉi tiu havas avantaĝon de 60 saltoj; krom tio, ĝi faras 9 saltojn dum la sama tempo, en kiu la vulpo saltas nur 6 fojojn. Tamen, 3 saltoj de la vulpo egalas al 7 saltoj de la leporo.*

**Kiom da saltoj faros la vulpo, antaŭ ol atingi la leporon?**

Ĝusta solvo gajnos unu poenton, ĝis 22. Aŭgusto.

**SOLVO PRI ASTRONOMIAJ CIFEROJ**
EN LA PASINTA NUMERO

*Temas pri jenaj tri distancoj:*

a) De la Tero ĝis la Suno.
b) De la Tero ĝis plej proksima stelo.
c) De la Tero ĝis la Luno.

## KAVALIROJ KAJ ALMOZULOJ

En la kortego de Stanislao, reĝo de Pollando, iu kavaliro, kiu ofte pripetis kaj ricevis favorojn de sia monarko, plendadis iam, ke la reĝo tro multe zorgis plibonigi la vivon de la malriĉuloj.

—Tute vere, li diris, se Via Majesto daŭras en tiu nova politiko, la almozuloj sukcesos iri en kaleŝo.

—Ho, vi eraras, respondis la reĝo, mi estas laca je la petoj de almozuloj kun kaleŝo. Mi klopodas ĉiel ajn forigi ilin; tamen, mi aplikos ankaŭ plej efikajn rimedojn, por redukti la nombron de tiuj *kavaliroj*, kiuj eĉ ne havas piedvestojn...

## SPECIALA KVALITO

Antaŭ ne multe, en amika rondeto, usona aktorino diris en Parizo:

—La viroj de ĉiu lando havas, kompreneble, siajn specialajn kvalitojn kaj ĉarmojn. Ekzemple: la angloj, humoron; la francoj. afablecon; la hispanoj, galantecon; la italoj, pasian karakteron...

Kaj ŝi aldonis:

—Tamen, mi edziniĝos kun usonano, ĉar usona edzo scias lavi la telerojn...

> *Nur en malfeliĉo, oni vere konas sian propran personecon!*
>
> MARIE ANTOINETTE

# REMEMORIGAJ NOTOJ PRI LA 5.ª UNIVERSALA KONGRESO

## en Barcelono, 4-11 Septembro 1909

*Kiel promesite, rememore kaj omaĝe al la gravaj esperantistaj eventoj. okazintaj antaŭ kvindek jaroj en nia lando, ni represas hodiaŭ kompilon el raporto, aperinta en «La Suno Hispana», Jaro VIª N.º 70, Oktobro 1909, pri la 5.ª Universala Kongreso.*

Jen do telegramstile, simpla kroniketo:

**Sabato** — La 4-an de Septembro, antaŭtago de la oficiala akcepto, D-ro Zamenhof, kun sia edzino kaj plej elstaraj eksterlandaj samideanoj, jam troviĝis en Barcelono. En la urbo pliiĝis la gajeco kaj vigleco; ĉie, tra placoj kaj stratoj, en kafejoj kaj teatroj, oni vidis geesperantistojn, kiuj ĝoje interbabilis, montrante la taŭgecon de nia lingvo. Je la kvina posttagmeze, D-ro Zamenhof vizitis la aŭtoritatojn. La Organiza Komitato kaj membroj de la esperantistaj institucioj akompanis lin en sekvantaro, kiu okupis kvar veturilojn, antaŭiratajn de rajdantaj urbaj gardistoj. Vespere, S-ro J. Keatin faris belan paroladon pri Brazilo en la Barcelona Ateneo; la festo finiĝis per gustumado de bonega brazila kafo.

**Dimanĉo** — La esperanta vivo komenciĝis frumatene. Tapetoj kaj flagoj ornamis multajn balkonojn; tra la stratoj promenis gesamideanoj; vagonaroj kaj vaporŝipoj alportis pliajn kongresanojn, kiuj rapidis al hoteloj kaj gastejoj.

Okazis du religiaj solenaĵoj: en la preĝejo de Bonfara Domo, kun prediko de pastro P. Richarson, kaj en la Evangelia Kapelo, kun prediko de pastoro Rust.

Je la naŭa matene, oni malfermis la Akceptejon en teretaĝo de la Palaco de Belartoj, kies centra navo estis bele ornamita. Je la dekunua kaj kvarono alvenis tien D-ro Zamenhof, kun sia edzino, apud S-roj Bourlet, Mibs, Boirac, Sebert, Pujulá kaj aliaj gravuloj. Ili estis salutataj per bruegaj aplaŭdoj. D-ro Zamenhof salutis la urbestron, S-ron Layret, kaj plurajn urbkonsilantojn. Posttagmeze okazis piedpilkludo, kiun prezidis D-ro Zamenhof, kun ĉeesto de multaj esperantistoj.

Muzikistaro de la «Ruĝa Kruco» ludis belajn pecojn. Je la deka vespere pompis solena koncerto en teatro Romea.

**Lundo** — Barcelono estas esperantigita! Ĉie estis videblaj flagoj kaj verdaj steloj; ĉie oni kantis aŭ ludis nian himnon. Frumatene jam estis preta, por la Solena Malfermo, la Palaco de Belartoj, kies ĉefa salono montriĝis arte ornamita. Iom antaŭ la dekdua eniris la salonon D-ro Zamenhof kun sia sekvantaro, okupante tuj la prezidejon; dekstre sidiĝis la urbestro S-ro Layret, kaj en aliaj lokoj. apud la tablo, S-roj Pujulá. Bourlet, Mibs, Sabadell kaj Perogordo. S-ro Mibs, prezidanto de la kvara Kongreso, okazinta pasintjare en Dresdeno, faris oportunan saluteton.

D-ro Zamenhof. per mallonga parolado, dankis la Reĝon, la Ministrojn kaj la Urbestraron de Barcelono, pro la protekto donita al Esperanto; responde al liaj vortoj, la urbestro S-ro Layret, en kataluna lingvo, esprimis la grandan ĝojon de Barcelono pro tio, ke ĝi estos, dum kelkaj tagoj, gastejo de la Esperantismo.

S-ro Bremón tradukis tiun paroladon, kiu estis varme aplaŭdita. Laŭ propono de D-ro Zamenhof, oni sendis telegramon al la hispana Reĝo, al la Registaro kaj al pliaj gravuloj. Sekvis salutvortoj de landaj reprezentantoj kaj oni legis multajn ricevitajn aliĝojn. Paroladoj de S-ro Pujulá --Prezidanto de la Organiza Komitato-- kaj D-ro Zamenhof fermis la matenan kunsidon, kiu daŭris poste, je la kvara posttagmeze, kun ceteraj salutoj kaj diversaj sugestoj. Vespere, okazis agrabla festo en teatro Romea, kie kelkaj kongresanoj ĉeestis kun naciaj kostumoj.

**Mardo** — La kunsidoj okazis en la Universitato; je la deka matene, D-ro Zamenhof vizitis la rektoron, S-ron Barono de Bonet; tuj poste, en la ĉefa salono komenciĝis la laborkunsidoj. S-ro Mudie, Prezidanto de U. E. A. instigis la esperantistojn ne laciĝi en daŭra agado. S-ro Hodler, ĉefredaktoro de la gazeto «Esperanto», kaj S-ro Privat parolis pri la vivanteco de la Internacia Lingvo kaj ĝia mirinde promesplena estonteco.

D-ro Zamenhof salutis la membrojn de U. E. A. tiu grava institucio, «kiu alportos al nia afero pli kaj pli da utileco». Oni disdonis diplomojn al tiuj kandidatoj, kiuj sukcesis en la ekzamenoj, kaj oni laŭte legis ricevitajn telegramojn de la Reĝo kaj de la Registaro. Posttagmeze okazis diversaj fakkunsidoj: farmaciistoj, leĝistoj kaj kuracistoj, en tiu ĉi lasta kunveno ĉeestis kaj intervenis D-ro Zamenhof.

Oni faris viziton al la urbaj vidindaĵoj, kaj oni ekskursis al la loga apudmara urbeto Sitges. Vespere okazis koncerto en Palaco de Belartoj, kie S-ro Daniel kompetente ludis ĝian faman orgenon.

**Merkredo** — Matene, en la Parko, sub la gvido de la franca generalo Priou, okazis ekzercoj de la «Ruĝa Kruco».

Tagmeze, la kongresanoj ariĝis ĉirkaŭ statuo de la fama kataluna poeto Aribau, kiu ricevis omaĝon de la esperantistoj per grandaj bukedoj da floroj kaj surskribita metala tabulo. Speciala, originala kaj ĉarma aranĝo de la 5.ª Kongreso estis la «Floraj Ludoj» aŭ Festo de la Poezio.

Je la kvara posttagmeze, eniris D-ro Zamenhof kaj la tuta sekvantaro. S-ro Boulet faris la festparoladon, kaj S-ro Boirac, kiel sekretario de la Ludoj, legis la titolojn de la premiitaj verkoj kaj la nomojn de ties aŭtoroj. F-ino María Hankel, el la germana urbo Dresden, gajnis la ĉefpremion --bukedon el naturaj floroj-- per sia poemo «La Simbolo de l' Amo». Kiam la sekretario legis ŝian nomon, la publiko ekstaris kaj aklamis ŝin per tondra ovacio. S-ro Boirac donis al ŝi la brakon kaj akompanis ŝin, kiel Reĝinon de la Festo, ĝis la trono, skortita de urbogardistoj, dum la urba muzikistaro disaŭdigis solenan marŝon.

Oni legis la poemon kaj oni daŭrigis la distribuadon de la ceteraj premioj, kiujn gajnis diverslandaj poetoj, inter ili du hispanoj: V. Inglada kaj D. Dalmau. Post disdono de la premioj, oni ludis kaj kantis la himnon. Post fermaj paroloj de la urbestro, finiĝis la solena festo. Vespere, en la somera teatro «El Bosque» oni prezentis la operon «Lohengrin» kies plej elstarajn fragmentojn oni kantis Esperante.

La arta baledo «Studento Parigini» kaj prezentado de bela alegorio pri Esperanto kompletigis la altrangan aranĝon.

**Ĵaŭdo** — Matene kunsidis en la Universitato la Lingva Komitato; kaj, en kunveno de speciala komisiono, oni decidis proponi, ke la delegitoj de esperantistaj societoj havu leĝan personecon antaŭ la naciaj registaroj

Posttagmeze, oni ekskursis al monto Tibidabo kaj al vilaĝo Vallvidrera. Poste okazis fakkunvenoj de komercistoj kaj farmaciistoj. Vespere, en teatro Romea estis prezentata la dramo «Mistero de Doloro» de konata kataluna aŭtoro Adriá Gual, en majstra traduko de F. Pujulá.

Ĉeestinto diras, ke «la ovacioj estis tiel oftaj kaj fortaj, ke ili devigis ĉiumomente la aŭtoron, la tradukinton kaj la aktorojn sin prezenti en la scenejon, por ricevi la varmojn aplaŭdojn per kiuj inteligenta internacia publiko premiis ilian laboron»...

**Vendredo** — Matene daŭris la fakkunvenoj kaj tiuj de «Katolika Unuiĝo» kaj de la Asocio de Instruistoj, en ĉi tiu ĉeestis pli ol cent membroj. Posttagmeze, kurado de motocikloj kaj bicikloj donis sportan emocion en la Parko; la partoprenantoj konkuris por gajni la Pokalon «Esperanto». La publiko estis ege multenombra; D-ro Zamenhof sidis en la tribuno de la juĝantaro. Vespere, en la Palaco de Belartoj pompis Internacia Balo, kie estis prezentado de tipaj katalunaj dancoj. Multaj alestis kun naciaj kostumoj.

**Sabato** — 11-ª de Septembro kaj lasta kongrestago. Matene, post la fakkunvenoj, okazis la lasta laborkunsido en kiu oni decidis elekti unu, po mil esperantistoj el ĉiu lando, por zorgi pri la financoj de la landaj societoj. Je la kvara posttagmeze, kun ĉeesto de D-ro Zamenhof kaj preskaŭ ĉiuj kongresanoj, okazis la Ferma Kunsido; la sekretario, S-ro Chavet, informis, ke en ĉi tiu 5.ª Kongreso, ĉeestis proksimume mil-tricent aliĝintoj.

Laŭ propono de D-ro Dor, oni aklame decidis peti la Nobel-Premion por D-ro Zamenhof. Oni proponis ankaŭ peti al la Registaro la instruadon de Esperanto en la lernejoj. Oni omaĝis ovacie la urbogardistojn, kiuj lernis Esperanton, okaze de la Kongreso. Dankaj vortoj de D-ro Zamenhof, vivuoj al Esperanto kaj emocia kantado de «La Espero» kronis la fermon de ĉi tiu memorinda 5.ª Kongreso en Barcelono. La 6.ª okazos venontjare en Washington, ĉefurbo de Usono, en Norda Ameriko. La Urbestraro de Barcelono adiaŭis la kongresanojn per delikata lunĉo, en la Palaco de Belartoj; krom la urbestro ĉeestis ĉiuj aliaj urbaj aŭtoritatoj: Ĉefgeneralo, Provincestro, Prezidanto de la Provinca Deputitaro, k. t. p.

Ĉe la fino de la festo, D-ro Zamenhof dankis la ĝentilan gastamecon de la urbo, kiu tiel multe kontentigis la gekongresanojn, ke ĉiuj sentas veran bedaŭron en la kortuŝa momento de la adiaŭo.



**RENKONTIĜO DE LA ESPERANTISTARO EL LA BARCELONA PROVINCO**

Okazis nunjare plej sukcese, dum Pentekosto, en la urbo Vilafranca del Panadés. Ĉeestis proksimume 500 gesamideanoj, kiuj agrable pasigis la tagon kaj donis brilon al la diversaj aranĝoj, inter kiuj elstaris la inaŭguro de Zamenhof-strato, literatura festo, vizitoj al la urbaj vidindaĵoj kaj bankedo. Ĉi tiu renkontiĝo atestas pri la forto kaj matureco de la kataluna esperantistaro, pozitiva grundo kaj bona ekzemplo por la ceteraj hispanaj regionoj.

**BARCELONO.**—Partoprenante la universalan kampanjon por la Zamenhof-Jaro, nia malnova samideano kaj talenta skulptisto, S-ro L. Doménech, skulptis buston de nia Majstro, kiu okupis elstaran lokon en Ekspozicio, aranĝita sub la aŭspicio de «Fomento Graciense de las Artes» en salono de «Obra Cultural de la Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorro». Ĉi tiu ekspozicio daŭris de la 13ª ĝis la 28ª de pasinta Junio. Nia amiko kaj artisto S-ro Doménech ricevis multajn gratulojn pro lia admirinda verko.

**TARRASA.**—Ankaŭ en ĉi tiu industria urbo, scenejo de nia memorinda 12ª Hispana Kongreso, unua post la milito, oni preparas kelkajn aranĝojn, okaze de inaŭguro de placo, kun la nomo de D-ro Zamenhof. La soleno okazos la 6ª de Septembro, je la 11ª matene.

**MADRIDO.**—La Madrida Esperanto-Klubo jam solenis ses fojojn la datrevenon de sia fondiĝo. Sub la vigla gvido de ĝia Prezidanto, Prof. A. Figuerola, la lasta festo montris, ke la kluba vivo daŭras laŭ la sana ritmo, kiun ĝi dekomence akiris, antaŭ ses jaroj pro la kuraĝa iniciatemo de S-ro J. López Herrero. La soleno okazis en centra luksa kafejo Iruña, kie kunsidis sub la verda stelo amaso da madridaj gesamideanoj. Ĉarma kvinjara infanino, nepino de estrarano, S-ro Alfaro, pruvis, ke la aĝo ne estas baro por lerni la lingvon; esperable, ŝi estos solida apogo por estonta vivo de la klubo. En la preĝejo de Sankta Antono okazis ankaŭ solena meso, kiel religia komplemento.

---

POR UNA SOLA VEZ, en 100 años, tenemos los españoles la oportunidad de enviar unas flores al Dr. Zamenhof, con motivo del Congreso Universal de Varsovia, al que asistirán varios delegados de nuestra Federación. El alto precio de una corona y el deseo de que sea costeada por suscripción popular hace que nos decidamos a abrir esta suscripción, invitando a los dadivosos a contribuir con pequeñas cantidades, hasta reunir unas 1.500 pesetas que es el contravalor de los dólares que se necesitan para dicha corona.

Si lo recaudado excede, pasará como donativo al Boletín, y si no llega, somos unos cuantos los voluntarios que pagaremos a prorrateo lo que falte, cerrándose la suscripción el 30 de Septiembre. Envíense los donativos al Tesorero Sr. Ernesto Guillem, Marqués de Caro, núm. 6, Valencia; rogándose que, al dorso del talón del Giro Postal, en el lugar reservado al efecto, se ponga la indicación: «Para flores al Dr. Zamenhof».

---

**EXITOS EN EL FERROL**

Tras activas gestiones de los elementos de El Ferrol del Caudillo, a partir del día 2 de Octubre del pasado año, se inició en dicha ciudad gallega un Curso de Esperanto, con nutrida participación de 53 alumnos. Gracias al apoyo encontrado cerca de D. Manuel Figuerido Leal, Director del Grupo Escolar «IBAÑEZ MARTIN» y de D. Francisco García Purriños y Francisco Rodríguez Mata, profesores de dicho Centro de enseñanza, se han podido celebrar los cursos en el mismo. Dado el prometedor impulso alcanzado, está gestionándose la legalización del Grupo Local, que será el primero existente en Galicia.

# RAPSODIA MALAGUEÑA *por el Dr. D. Rafael Herrero*

VIAJERO:

**Tanto si llegas a Málaga cabalgando sobre las acariciadoras ondas del mar latino, como si te acercas atravesando sus típicos poblados serranos o costeros, te habrás dado cabal cuenta de que el paisaje malagueño tiene rango excepcional en la clasificación turística.**

**El sol y el aire, el mar y la montaña, se han combinado aquí de tal manera con la mano del hombre -pueblos, caseríos y cultivos- que el resultado ha sido un maravilloso conjunto de gracia natural y de encanto indescriptible. El paisaje andaluz, de sí tan atractivo, recibe aquí el valioso aporte del mar, que, bien por sus playas suaves o por sus bravíos acantilados, constituye su principal exponente turístico. Y la ciudad misma, asentada sobre un suave declive, constituye un hermoso abanico que, contemplado desde el mar, produce una gratísima impresión, menos grandiosa, desde luego, que la de Río Janeiro o Nueva York, pero, en cambio, pletórica de amable suavidad y de acogedora atracción, acrecentada al contemplar sus valiosos detalles.**

**Esta impresión perdura y se engrandece cuando, desde las alturas de la Alcazaba y Gibralfaro, se admira el puerto, las tupidas arboledas que le circundan, el núcleo urbano y los barrios que, pletóricos de vida, van invadiendo las crestas vecinas, como demostración geográfica de una pujanza que refleja la marcha progresiva de Málaga, que, además de dulce hamaca, sabe ser herramienta productiva y aula aleccionadora, como lo demuestra esa Institución «Francisco Franco», de cuyo seno ha partido la iniciativa de este XX° Congreso Español de Esperanto.**

**Cuando, en el agradable vagar por las sombreadas calles de la ciudad, se va admirando el armonioso conjunto que forman, tanto la señorial calle de Larios, como las típicas callejas, en que abundan las freidurías, donde se puede saborear el mejor pescado del mundo; la imponente mole catedralicia y la recoleta fachada del palacio episcopal; la torre mudéjar de la iglesia de Santiago y los encantadores declives de la Alcazaba y, sobre todo, la admirable composición panorámica que se divisa desde Gibralfaro, se comprende que el encanto malagueño se funda sobre algo concreto, que comprueban quienes tienen la suerte envidiable de gozar de la delicia de estar en esta Málaga incomparable, siquiera sea por unos pocos días.**

**El hecho de que Málaga haya conquistado un justo título de estación invernal no es obstáculo para que en ella el verano sea muy soportable, como lo demuestra el estudio estadístico, que demuestra que, en el mes de Agosto, la temperatura media de las máximás sea de 30°4, lo cual es muy aceptable, sobre todo atendiendo a que la brisa marítima aporta un apreciable alivio cuando, sentado en la terraza de un café, se disfruta de un rato de descanso, en el diario ajetreo ciudadano. Por algo el turismo invade, a lo largo de todo el año, todos los recursos hoteleros, que en esta ciudad tienen un desarrollo creciente y variado. Si desde largos años los ingleses fundaron la bien ganada fama de ciudad invernal, los españoles mismos han comprobado las excelencias de las playas malagueñas, en las que el sol se conjuga con el templado y tranquilo mar, en profusión de playas, calas y ensenadas, en las que los pinares parecen disputar a las olas la posesión de las doradas arenas. Hay un dato tangible que da la pauta del grado de atracción de Málaga.**

**Esta ciudad es, entre las españolas, una de las que fija con mayor densidad a los que, en el declive de la vida, gozan de una pensión de retiro. En su forzosa mutación, durante su vida oficial, pasaron por Málaga, y al terminar su edad laboral vuelven a ella, porque pudieron comprobar que la ciudad andaluza les ofrecía, para su vejez, condiciones más halagueñas.**

**En nuestra anual peregrinación por tierras españolas, en las que cumplimos con nuestro deber de propagar nuestra doctrina idiomática, vamos a tener la suerte de estar, por unos días, en esta típica ciudad, tan española y, al propio tiempo, tan exótica. Sepamos todos gozar de sus incomparables atractivos, al propio tiempo que cumplimos con nuestros deberes congresales.**

**¡Málaga nos espera! ¡Hasta la vista, pues, sumergidos en el embrujo de sus múltiples encantos!**

---

## ULTIMAS NOTICIAS CONGRESALES

Ha quedado ultimado el programa definitivo, que irá incluído en el Libro del Congreso, que se entregará a cada congresista en la Recepción (Círculo Mercantil, Larios, 3). A cada adherido se le habrá enviado ya la Tarjeta de congresista, con la de Reducción ferroviaria, para cuyo uso léanse las instrucciones al dorso.

Como en todos los congresos, en el momento de recibir la documentación en la oficina receptora (Akceptejo), se especificará si se desea tomar parte en las excursiones y en el Banquete Oficial, abonándose entonces el correspondiente importe.

Huelga recomendar que para los actos oficiales, en los que nos honren las Autoridades locales, todo congresista debe presentarse decorosamente, sin prescindir de corbata y chaqueta. Las inscripciones deben dirigirse al Secretario de la Comisión: D. Eleuterio Moreno García (Maestro Navas,1, 3.°) Ciudad Jardín, Malaga.

Habiéndose superado las dificultades técnicas, que retrasaban la edición, pueden adquirirse ya el sello (glumarko) y la tarjeta del congreso, que, como en años anteriores, son de alta calidad y buen gusto. Se está procediendo también a la realización del cartel.

*Sello: hoja con 8 ejemplares, a dos tintas,* UNA *peseta. Tarjeta, a siete colores, 1'50 pesetas*

# RAPORTO DE LA ESTRARO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO PRI LA LABORPERIODO JULIO 1958 - JUNIO 1959

Estimataj samideanoj kaj amikoj:

La senhalta turnado de la rado de l' tempo devigas nin refoje plenumi la ĉiujaran kutimon informi pri la plej rimarkindaj aspektoj en la gvidado de nia Federacio.

En la pasintjara raporto, ni rimarkigis pri fenomeno, tiam ekzistanta en nialanda Esperanto-movado, pri kiu denove ni volas insisti. tial ke ĝi ne nur daŭras, sed kreskas kaj persistas. Reale, tiu fenomeno estas la paradoksa fakto, ke meze de brila kaj progresanta movado en nia lando, nia Federacio malvigliĝas, stagnas aŭ lamas.

Oni povas tion konstati ĉe unu flanko --tre inde por la Zamenhof-Jaro-- per pli kaj pli oftaj kaj pli favoraj artikoloj, aperantaj en la hispana gazetaro, per novaj kaj multenombraj kursoj, per novaj radioelsendoj, kaj speciale per leteroj el Gijón, Valladolid, Pontevedra, Palencia, Alicante, Castellón, Burriana, Baracaldo kaj eĉ Ciudadela, en la insulo Menorko, trafintaj nian oficejon kun entuziasmaj sciigoj pri jam fonditaj aŭ tuj starigotaj Esperanto-Grupoj. Tamen, ĉe alia flanko, la aspekto multe ŝanĝiĝas, ĉar nun, post preskaŭ dekdujara senhalta laborado, ni havas ankoraŭ la saman malgrandan nombron da membroj, kiu, jaron post jaro, preskaŭ ne varias. Nia budĝeto sin nutras per enspezoj sen altiĝo, dum la prezoj videble altiĝas. Lastatempe, akumuliĝis malfacilaĵoj, ĉar, apud la *feliĉa* kresko de la oficeja laboro, staras nova problemo pro lokŝanĝo de nia Centra Oficejo, grava afero, kiu nur duone kaj provizore estas solvita.

Tre facile oni povas vidi, ke tiu diferenco inter la landa Movado kaj la tutlanda Organizo estas nekonvena kaj ke estas necese altigi la Federacion ĝis plej adekvata rango. Neniu forgesu, ke HEF estas institucio, kiu leĝe havas la celon kaj eĉ la rajton reprezenti la tutan hispanan esperantistaron, kaj ke tion oni devas plenumi kun la plej alta digno, interne kaj ekstere de la geografiaj kaj ŝtataj limoj de nia lando.

Ni ĉiuj devas studi la aferon, kies plej utila kaj logika solvo estus sendube la aliĝo de ĉiu hispana esperantisto al HEF. Ĉu vere ja estas utopio pensi pri mil dumil kaj eĉ trimil membroj, se nur eta parto de la streboj de niaj samideanoj estus dediĉitaj al la varbado de novaj federacianoj? Ni ne volas pensi, ke oni preferas, anstataŭ klopodi por la efektivigo de tiu *utopio*, la *facila* rimedo ŝarĝi, ankoraŭ pli, la jam tro ŝarĝitajn ŝultrojn de tiu sindonema kaj ĉiam sama malplimulto, kiu fidele ariĝis en niaj vicoj, por kolektive partopreni kaj sindoneme labori en la zorgoj kaj taskoj de la nacia organizo.

## ESTRARO

Laŭ nia Statuto, la membraro balotis elektinte novan Estraron. Same kiel alifoje, kelkaj nomoj estas la samaj. Pro tio, iliaj kvalitoj estas jam konataj de ĉiuj; tial, ili ne bezonas prezenton. La novaj elementoj, aperintaj en la aprobita kandidataro, estis proponitaj al la konsidero de la membraro por doni ripozon al kelkaj malnovuloj kaj por ke novaj regionoj estu reprezentataj en la Estraro. Ni fidas al la bonvolemo kaj sindonemo de la novaj gvidantoj —inter ili pluraj junuloj-- ke ili zorge kaj diligente daŭrigos la laboron antaŭe preparitan, kaj --se eble-- ili eĉ plibonigos ĝin, kvankam ne ĉio dependas de la propra fervoro; sed, volo estas povo... kiel saĝe diras populara hispana proverbo.

## CENTRA OFICEJO

La necesa kaj deviga --pro diversaj kaŭzoj-- translokigo de sidejo starigis problemon. kiun nur ni povis solvi jene: La oficiala sidejo troviĝos en la domo de S-ro E. Guillem, la kasisto. La oficejo aŭ laborejo kuŝas en alia. Tial, konsiderante, ke la Sekretario kaj helpanto loĝas aliloke, oni bone komprenos, ke leteroj kaj mendoj devas atendi, por taŭga prilaboro, ĝis mardo aŭ sabato, tagoj en kiuj ni ĉiuj regule kunvenas; foje, eĉ pli longe, se la koncerna afero postulas intervenon de pli ol du personoj aŭ ĝi rilatas al du fakoj, ekzemple: Administrado kaj Libro-Servo, kiel pli karakterizaj.

La neceso de taŭga loko estas do la plej elstara problemo. La provizora solvo, kvankam ĝi estas la plej bona, kiun momente ni trovis, rimarkinde baras la normalan funkciadon de la burokrataj laboroj. Ideala solvo estus propra sidejo, sole nur por ni aŭ uzebla kun alia kultura societo; sed tio daŭre ŝvebos ankoraŭ en la sfero de la revoj, ĝis niaj financoj estos pli fortaj, sekve de ampleksa kresko de la membraro.

## ADMINISTRACIO

La translokiĝo de nia oficejo okazigis elspezojn, kiujn neatendite ni devis alfronti, ĉar ne nur ni devis pagi la transporton de la oficeja materialo kun dika stoko da libroj. sed ankaŭ estis necese aĉeti bretojn kaj akcesorajn objektojn. Cetere, estis nepre necese akiri novajn litertipojn, ĉar tiuj ĝis nun uzitaj estas jam tro difektitaj. Tiu eksterordinara elspezo elsuĉos, kompreneble, ĉiujn rezervojn de nia buĝeto. Tamen, la kreskanta fluo. atentinde rimarkinda, en la pago de kotizoj kaj la esperigaj sumetoj ricevitaj, kiel libervolaj donacoj, liveras bonajn promesojn por la tutjara bilanco, kiun ni deziras fermi sen deficito.

## LIBRO-SERVO

Ĉi tiu fako plej videble suferis la sekvojn de la translokiĝo, ĉar antaŭ ol transporti la librojn, oni devis fari inventarion. Poste, la transportado malordigis ilin, kaj denove oni devis adekvate ilin prizorgi. Krome, ekzistas tiaj komplikaĵoj pri valutoj, perantoj, interkonsentoj, k. t. p. ke la nova komisiito por tiu malgranda sed komplikita fako ankoraŭ ne povis preni komplete la gvidadon de tiu servo. Certe, iom post iom, ĝi normaliĝos, sed oni devas indulgi la neeviteblajn prokrastojn kaj misfunkciadon, kiuj okazis dum la transiga periodo, spite la plej bonan volon por akurate plenumi la ricevitajn mendojn.

## JUNULARO

Kelkaj aktivaj junuloj el Barcelono entreprenis entuziasme la taskon starigi la Junularan Fakon; post pluraj klopodoj kaj demarŝoj, ili fine sukcesis. En la koncerna rubriko de nia gazeto, oni povas sekvi ilian agadon. Nun, tiuj junuloj atendas senpacience la Kongreson en Malaga, kie ili, espereble, ricevos oficialan aprobon al sia —kaj nia!— jam funkcianta H. E. J. S. Tiu sekcio estas grava entrepreno, kiu meritas nian plenan konsideron; ĝi estas areno, kie formiĝos la estontaj gvidantoj de la hispana esperantismo.

## KURSOJ PER KORESPONDADO

Dum la pasinta lernojaro, daŭris regule la laboro kaj preskaŭ cent novaj gelernantoj aliĝis al la kursoj. Nun, preskaŭ 250 estontaj esperantistoj lernas pere de nia fako. Kelkaj dekoj sukcesis fini la kurson, ricevinte la koncernan diplomon de «Kapabla Esperantisto». Tute regule, ni daŭrigis la publikigadon de anoncoj aŭ reklamoj en ĵurnaloj kaj gazetoj. Krom tio, rekte ni sendis al miloj da adresoj niajn varbilojn. Por doni ideon pri nia agado, dum la sep jaroj de nia ekzisto, estu dirite, ke ĝis nun ni uzis preskaŭ 12.000 kovrilojn kaj 2.000 poŝtkartojn por nia korespondado.

## BULTENO

La redaktado de BOLETIN daŭras sub la zorgoj de Luis Hernandez, kiu plurfoje deklaris al la Estraro sian deziron rezigni la postenon pro evidenta laciĝo, post sinsekva trijara laborado. Kvankam plene konsciante pri la malfacileco lin anstataŭi, ni ĝuste komprenas liajn argumentojn kaj plopodos trovi oportunan solvon, same kontentigan por la ĝeneralaj interesoj de la Federacio, kiel por tiuj apartaj de nia kara amiko, kiu cetere bezonas sian tempon ne ja por vana neniofarado, sed por repreni forlasitajn taskojn kaj literaturajn laborojn, ankaŭ tre utilajn por la Esperanto-Movado.

...Kaj se ne mankas unueco, promesplene marŝos antaŭen la hispana esperantismo!

*La Prezidanto:* Rafael Herrero. *La Sekretario:* José Guzmán.

---

# LA NUEVA JUNTA DIRECTIVA

**Según votación entre los asociados, efectuada mediante papeletas, han sido elegidos por gran mayoría, para desempeñar los cargos directivos, los siguientes señores:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| **Presidente . . . .** | **Dr. Rafael Herrero Arroyo** | **—** | **Valencia** |
| **Vicepresidente. . .** | **R. P. Dr. Atanasio Sinués Ruiz** | **—** | **Barcelona** |
| **Secretario . . . .** | **D. Angel Pérez Saura** | **—** | **Valencia** |
| **Vicesecretario. . .** | **Dr. Fernando De la Puente Solsona** | **—** | **Zaragoza** |
| **Tesorero . , . .** | **D. Ernesto Guillem Tarín** | **—** | **Valencia** |
| **Vocal 1.° . , . .** | **D. Juan Bosch Fornals** | **—** | **Valencia** |
| **Vocal 2.° . . . .** | **D. Florencio Enfedaque Tremps** | **—** | **Madrid** |
| **Vocal 3.° . . . .** | **D. Alfredo Villa Villa** | **—** | **Gijón** |
| **Vocal 4.° . . . .** | **D. Eleuterio Moreno García** | **—** | **Málaga** |

**De acuerdo con las vigentes disposiciones legales, los nuevos directivos tomarán posesión de sus cargos, tan pronto como la Superioridad haya dado su conformidad al nombramiento.**

**Plej fervore kaj entuziasme, ni deziras plenan brilon kaj sukceson al la**

# 44ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**en Varsovio, kiu estos plej grava publika manifestacio en la Zamenhof-Jaro**

### IMPONA JARLIBRO DE U. E. A.

Ĵus aperis la Jarlibro de U. E. A. por la jaro 1959. Tiu ĉi unua parto havas 544 paĝojn kun riĉega enhavo. Ĝi estas la plej granda, la plej kompleta kaj varienhava Jarlibro, en la tuta historio de U. E. A. Estas maleble prezenti komplete la enhavon de tiu impona publikaĵo, kun antaŭparolo de Inĝ. L. K Zaleski-Zamenhof, nepo de D-ro Zamenhof. Sed krom la kompleta adresaro de ĉefdelegitoj kaj delegitoj, ĉi-foje la Jarlibro enhavas ankaŭ liston, aranĝitan laŭ la landoj kaj lokoj, de tiuj lokaj Esperanto-societoj, kiuj sendis kaj pagis la koncernan anonceton.

Ankaŭ «Esperanto», la oficiala organo de U. E. A. fariĝis en ĉi tiu jaro ankoraŭ pli granda. Ĉiu, kiu legis la suprajn liniojn, estas invitata aliĝi al nia plej grava internacia organizo. La kotizo de membro-abonanto por nia lando estas 180 pesetoj pageblaj al la hispana ĉefdelegito:

Ramón Molera, Strato Hospital, 13 - Moyá (Barcelona)

### 7.ª KUNVENO DE KRUCVORT-ENIGMULOJ

Ĝi okazos, de la 28-ª ĝis la 30-ª de Aŭgusto en mondkonata itala urbo Belgirate-Pallanza, apud la fama Lago Maggiore. La kunveno antaŭvidas por ĉiuj partoprenantoj multajn ege interesajn konkursojn kaj aranĝojn. La esperantistoj alilandaj estas kore invitataj. Adreso:

**Organiza Komitato de**
**7.ª Convegno Nazionale di Parole Incrociate**
Via Fratelli Cairoli, 16 - LECCO (Como) Italio

### CENTRO POR ESPERANTO EN KOMERCO, INDUSTRIO KAJ TURISMO

Estas fondita de Milana Esperanto-Klubo, kiu, por pruvi la praktikan aplikadon de Esperanto en komercaj rilatoj, projektas la kompiladon de «Internacia Adresaro de Firmoj, kiuj povas uzi Esperanton en siaj interlandaj rilatoj».

Ĉiuj samideanoj estas invitataj kunlabori por kolekti tiajn adresojn, kun aproba letero de la koncerna entrepreno.

Oni ne postulas monon!

La adreso de la «Centro» estas jena:
**Piazza Oberdan, 1 — Milano (Italio)**

### INTERNACIAJ SOMERAJ FERIOJ EN BESANÇON

La franca Grupo de Esperantistaj Edukistoj organizos internacian someran restadon en Besançon, 15.-17. Aŭgusto.

Besançon estas agrabla kaj pentrinda urbo en orienta Francujo, en regiono Jura, kie belaj ekskursoj estas antaŭvidataj. Tendumantoj povos uzi la urban tendumejon, kiu situas proksime al la centro de la urbo, en agrabla loko, apud la rivero Doubs. Se estas sufiĉe da aliĝantoj kaj petantoj, oni povos aranĝi malmultekostan komunan restadejon.

Aliĝkotizoj sendotaj al: S-ino Trésorier, 2, rue des Lilas - BESANÇON (Doubs).
Por unu persono: 1800 fr.
Por du samfamilianoj: 3000 fr. Pluaj detaloj ankaŭ haveblaj de S-ino Trésorier.






**GRAMATICA SINOPTICA DE ESPERANTO** de Mario Ritter Nunes. Eldonejo: Brazila Esperanto-Ligo. Prezo: 20 pesetoj ĉe nia Libro-Servo.

Rapida trarigardo de Sinoptika Gramatiko de Esperanto, eldonita en 1954, vekas intereson. La plano de la resuma lernolibro, kies aranĝo devias de la kutimo, konsistas el tabeloj de ĉiuj vorto-elementoj, facile troveblaj de la konsultantoj, ĉu foliumante la paĝojn aŭ helpe de la enhavolisto, ne alfabete ordigitaj, kiel preferinde. La aŭtoro kompilis la esencan parton de la gramatiko de Esperanto, celante provi la simplecon de ties neŝanĝebla fundamento. Tute alia afero estas la ne absoluta, sed kompara facileco de la internacia komprenilo. Nia mallonga recenzo ne devas temi pri tiu speciala aspekto de nia aposteriora, tre kultura lingvo.

Sen komplikaĵoj, la sinteza gramatiko ne taŭgas kompreneble por studemuloj, por kleraj uzantoj. Sed la scivolemaj komencantoj, por kiuj ĝi estis destinata, ĉiam trovos la pretan respondon al duboj pri la gramatika bazo de Esperanto. Simplaj frazoj klarigas la uzadon de vortofiniĝoj kaj la funkcion de la diversaj gramatikaj klasoj de semantemoj. Ĝenerale la ekzemploj estas bonaj kaj pli rekomendas la praktikan flankon de la libro.

Tra la zorge reviziita verko malmultaj preseraroj glitis. Jen alia bona flanko!

---

**CURSO DE ESPERANTO EN 20 LIÇOES,** de A. Couto Fernandes kaj H. Mota Mendes.—Eldonejo: Brazila Esperanto-Ligo. Prezo: 20 ptoj.

La indikita lernolibro por portugallingvuloj, kiu atingis jam la sesan eldonon, konsistas el 20 metodaj dividoj. Kvankam elementa, ĝi strukturas ĉiujn erojn de la Fundamento de Esperanto. Reduktante al apenaŭ 10 la 20 lecionojn, Brazila Esperanto-Ligo ĝin utiligas kiel korespondan kurson, laŭdirite, kun tre bonaj rezultatoj. La verko, jam tre konata, estas rekomendinda por komencantoj.

Ĝia plano konsistas el gramatikaj reguloj, kiuj sinsekvas laŭ ordo diskutebla, intermiksitaj de facilaj literaturaj tekstoj por legado. La bone elektita ekzercaro ebligas la lernadon de Esperanto, ne ĝisfunde, kompreneble. Sufiĉa kiel unua paŝo, kondukanta al pli alta studado de la lingvo, ĝi ne kontentigas la studemon, la memlernadon de seriozaj intelektuloj.

Mankas disvolviĝo al tiu modesta lernolibro. La gramatika flanko, sen malfacilaĵoj, prezentas nenion novan. Organizi gramatikon vere originalan estas ne facila afero. Ĝia celo --doni solidan bazon por estonta pliperfektiĝo en Esperanto-- ne kaŝas alian pretendemon. Tiucele ĝi absolute taŭgas, ĝi estas konsilinda.

Kvankam bone reviziita la esperanta parto, en la portugala tamen multaj preseraroj enŝoviĝis, bedaŭrinde.

---

**CHAVE DO ESPERANTO** (Esperanto-Ŝlosilo). Eldono de Brazila Esperanto-Ligo. Prezo: 5 ptoj.

Post duonjarcento, Esperanto-Ŝlosilo de Ĉefeĉ daŭre efikas. La propaganda taŭgeco kaj la utilo de la malmultekosta verketo evidentiĝas. Pro la longa uzado de la multlingvaj adaptoj, oni povas aserti, ke, hodiaŭ kiel hieraŭ, la *Ŝlosilo* restas la poŝa, ĉiam preta montrilo de la mirinda simpleco de Esperanto.

Elĉerpita la 2.ª eldono en portugala lingvo, Saldanha Carreira tute senprofite transdonis al U. E. A. la eldonrajton. La portugala traduko de nia veterano aperas la unuan fojon, kun identa presaranĝo, en la granda sudamerika lando, eldonita de Brazila Esperanto-Ligo.

Ties ĝenerala vortareto, la plej kompleta el ĉiuj *ŝlosiloj* de mi konataj, konsistas el 2.500 radikoj. En la sveda estas registritaj 2.000, en la dana 1.895, en la hispana 1.859, sn la franca 1.833, k. t. p.

En la aparta enlistigo de 325 komercaj terminoj, laŭ listeto ekzamenita de E. A., mankas la jenaj: ***financ', sekvestr', tribunal'.***

Nur malmultaj eraroj kaj presfuŝaĵoj, evitendaj en estonta eldono.

Ion rimarkindan mi devas reliefigi: en ĉi tiu eldono, la portugala ortografio estas pli pura; ĝi korektiĝis, ĝi oficialiĝis. Pro la plibonigo mi gratulas la eldonejon, kiu aperigas bonajn verkojn, per kiuj ĝi regalas kaj riĉigas nian movadon.

**Adolfo Augusto NUNES** (Lisboa)

---

**Jam en la komenco, oni funde lernu almenaŭ la skemon de nia lingvo!**

## TESORERIA

Relación de los números agraciados: 25 de Mayo. Núm. 12.430 a D. Juan Bosch, de Valencia, por su número 30.

25 de Junio. Núm. 1.861 a Don Darío Rodríguez, de Madrid, por su número 61.

Los números asignados a cada uno de los contribuyentes tendrán validez hasta el mes de Abril del año próximo.

---

## KORESPONDADO

Patrino kaj filino deziras korespondi kun hispanoj: S-ino kaj F-ino
Brigite Joachin - 4 Place F. Simiand.
CHÂTENAY - MALABRY (Seine) Francio

---

S-ro Paul Weyda deziras havi amikojn en ĉiuj partoj de la mondo. Jen lia adreso:
Auricher Str. 47 - Eg.
STUTTGART-ROT (Germanio)

---

Jugoslava arkitekto deziras korespondi kun hispanaj fraŭlinoj:
S-ro Kalĉiĉ Sergije
strato Veliki Izvor, 8-Zajeĉar (Jugoslavio)

---

S-ro Misksci Lajos - Borsvezco, n.° 13 MISKOLC (Hungario) deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj.

---

Pola junulo 16-jara, membro de gaja rondo «Verda Koro-Bonhumoro» deziras korespondi kun hispanaj gejunuloj:
S-ro Zagórski Jerzy
ul. Kraszewskiego, 11
3 - Gdanks-Wrzezcz (Pollando)

---

Pola filatelisto dez. interŝanĝi poŝtmarkojn
S-ro Awizyu Waldemar
ul. M. Rataja 78 m 2 - Olsztyn (Pollando)

---

Pluraj usonaj geknaboj, inter 10-14 jaroj, komencantaj lerni Esperanton, deziras korespondi kun hispanaj gejunuloj, per ilustritaj poŝtmarkoj, pri naciaj kutimoj kaj aliaj temoj. Skribu tuj al la instruanto:
S-ro Conrad Fisher - Esperanto-
Y-Teens YWCA, 738 Chestnut Street
MEADVILLE (Pa.) Usono

---

**INTERNACIA AMIKECA KLUBO**
**217, Kitaterazima - Hamamacu (Japanio)**

Estas fondita kun la deziro interligi societojn kaj klubojn. Volonte ĝi ricevos kaj uzos ankaŭ la adresojn de esperantistaj grupoj aŭ rondoj el la tuta mondo.

---

*Profesoro Petro Font y Puig, eminenta latinisto kaj filozofo, kiu dum multaj jaroj daŭre instruis en la Barcelona Universitato, forpasis la 25-an de Majo.*

*Nia Federacio, antaŭ ne multe, nomis lin --kune kun aliaj eminentuloj-- membro de la Internacia Patrona Komitato por la Zamenhof-Jaro. La hispana esperantistaro sin honoris, prezentante lin en tiel altrangan liston, kie troviĝas la plej elstaraj reprezentantoj de la homa kulturo. Certe, ĉiuj ĉeestintoj rememoras ankoraŭ lian brilan paroladon en la Ĉefa Aŭlo de la Barcelona Universitato, okaze de nia 17ª Kongreso, kies plej ŝatinda programero estis ja tiu prelego kiu, kun profunda senco de klereco, estis ankaŭ trafe spicita per vere agrablaj spritaj nuancoj.*

*Ni funebras do kun sincera bedaŭro.*

—

*S-ro Nicasio Pelayo Trueba, el Santander, fidela federaciano. ankaŭ forpasis fine de Marto. Ni esprimas samideanan kondolencon!*

---

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a Mayo - Junio 1959)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 3.646 | Ptas. |
| R. Cervera - Pedralba | 15 | » |
| F. Caballer - Pedralba | 15 | » |
| R. Ortiz - Pedralba | 15 | » |
| A. Pombrol - La Laguna | 25 | » |
| T. Ferré - Alcover | 15 | » |
| L. Bartra - Eibar | 5 | » |
| E. Unanue - Eibar | 10 | » |
| B. Lorizate - Eibar | 15 | » |
| S. Arizmendi - Eibar | 25 | » |
| A. Agustín - Durcal | 20 | » |
| J. Ayats - Cornella de Llobregat. | 10 | » |
| A Sánchez - Madrid | 25 | » |
| L. Doménech - Barcelona | 50 | » |
| F. Campos - Valencia | 10 | » |
| J. Hernández - Barcelona | 50 | » |
| A. Marco - Zaragoza | 10 | » |
| F. Plá - Valencia | 10 | » |
| M. Alamo - Valverde-Hierro | 20 | » |
| F. Parra - Valencia | 10 | » |
| V. Santamaría - Valencia | 20 | » |
| A. Forgensen - Dinamarca | 100 | » |
| J. Puértolas - Zaragoza | 15 | » |
| J. Rodríguez - Tenerife | 5 | » |
| B. Coll - Inca | 50 | » |
| P. Gómez - Zaragoza | 75 | » |
| S. Izquierdo - Zaragoza | 75 | » |
| J. Agut - Barcelona | 170 | » |
| M. Genís - S. Antonio Villamajor. | 10 | » |
| E. Marbán - Oviedo | 25 | » |
| J. Soler - Tarrasa | 50 | » |
| Total | 4.596 | Ptas. |

***Muchas gracias y... ¡Felices vacaciones!***

---

NOTA. — El próximo número, extraordinario del Congreso, será enviado contra reembolso a los abonados que todavía estén entonces pendientes del pago de su cuota.

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA